# Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Julio-Aŭgusto 1997

68-a jaro, n-ro 7-8 (1105-6)

ISSN 1163.0442

*Pri la enhavo de artikoloj respondecas la aŭtoroj mem*

MENSUEL/MONATA



## Speciale por Sennaciulo

## VUKOVAR

intervjuo kun s-ino Ruĵa Mariĉ direktorino de Urba Muzeo Vukovar en rifuĝo...paĝo 75

*Kastelo Eltz - Urba muzeo, post la detruo fare de jugoslava armeo - en 1991.*

Foto : M. Kokoviĉ - 1991

## KONGOLO Ŝanĝo de diktatoro...p. 78



EN ĈI NUMERO



SAT SUR TTT : http://www.worldnet.net/~sat-esp/

SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO! LANTI

# EL LA REDAKTEJO

*Karaj,*
*jen la lasta numero (dumonata) de nia Sennaciulo antaŭ la kongreso en Aŭgsburgo. Tiuj, kiuj ne pagis sian ĉi-jaran kotizon ne plu ricevos ĝin. Bedaŭrinde, sufiĉe multaj el niaj membroj estas en tiu situacio. Pro la malbona financa situacio (vidu la kasraporton), ni ne povos postsendi la mankantajn numerojn de la gazeto, krom al tiuj, kiuj estas pretaj sendi plian monon por tiu ekspedo.*
*Malmultaj el vi aliĝis al la kongreso kvankam ĝi okazas en centro de Eŭropo kaj denove en kapitalista lando, kio estis deziro de certa nombro el vi. Tiu ĉi kongreso estos tre grava por la estonteco de nia Asocio. Ni devos alpreni gravajn decidojn kaj eble tiu ĉi mia mesaĝo puŝos kelkajn el vi decidiĝi en la lasta momento kaj vojaĝi al Aŭgsburgo.*
*Dezirante al vi ĉiuj agrablajn somerajn feriojn kaj al ni ĉiuj sukcesan kongreson, mi plej kamaradece salutas vin.*

*Via Redaktoro*

Asocia sidejo de S.A.T., administrejo kaj redaktejo : 67, avenue Gambetta, FR-75020 Paris.
Tel. +33.1.47.97.87.05,
Telekopiilo: +33.1.47.97.71.90.
E-poŝto : sat-esp@worldnet.net.
Oficejo malfermita : lunde de 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo : 9h30-16h30. Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata registrilo.
Poŝtkonto : SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas : Redakta komitato - Y. Peyraut, P. Lévy kaj K. Barkoviĉ.
Ĉefredaktoro : Kreŝimir Barkoviĉ
Ekspedejo de Sennaciulo : SAT, 67, avenue Gambetta, FR-75020 Paris, Francio.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Ricevitajn manuskriptojn oni ne resendas. La limdato de ricevo de manuskriptoj estas la 10-a de kuranta monato.
*
Imprimé par : S.I.B., B.P. 343, FR-62205 Boulogne-sur-Mer Cedex, Francio.
Aperas monate - Mensuel.
Le directeur de la Publication : Yves PEYRAUT.
Abonnement annuel/jara abono, France : 320 FF.
Autres pays/aliaj landoj : peti la tarifon de nia peranto aŭ de la SAT-Centro.
Dépôt légal à la date de parution.

**Commission Paritaire n° AS-74399**
**Limdato por ricevo de kontribuaĵoj estas ĉiam la 10-a en la monato.**




## F.A.R.
LA FORUMOJ
DE LA AMIKECA RETO

La Forumoj de la Amikeca Reto invitis por prelegi en Francio :

**Dmitrij CIBULEVSKIJ** el UKRAINIO kaj
**Eugenie RUBINOFF** el IZRAELIO
Dmitrij vojaĝos en Francio dum la monatoj februaro, marto, aprilo 1998. Li prelegos pri :
- la tiama situacio en Ukrainio (politika, ekonomia)
- aspektoj de la Kamĉatka duoninsulo.

Tiu turneo estas des pli interesa por la SAT-anoj, ke la SAT-kongreso okazos tiun jaron en Ukrainio (Odeso).
Eugenie vojaĝos en Francio dum la monatoj oktobro kaj novembro 1998. Ŝi prelegos pri :
- la historio de la Juda Ŝtato
- la tiama situacio en Izraelio.

Ŝi proponos en esperanto koncerton de Izraeliaj kantoj.
Por organizi tiujn turneojn ni bezonas ekscii kiel eble plej frue :
- kiuj grupoj deziras akcepti niajn gesamideanojn
- je kiu dato.

Verŝajne inter 300,00 FRF kaj 450,00 FRF estos petitaj de ĉiu grupo aŭ individuo por partopreni en la elspezoj. Tio dependos de la nombro de gastigantaj grupoj.
Viajn proponojn bonvolu sendi al : F.A.R., Ferdi VINCE, "Hejme", 13 rue du Docteur Schweitzer, FR-44600 Saint-Nazaire. Tel./faks: 02.40.70.46.74.

## FAULHABER-SEMAJNFINO EN NEDERLANDO

La Faulhaber-semajnfino okazos ĉi-jare de la 3-a ĝis la 5-a de oktobro en la Feriejo "Mennorode", Apeldoornsweg 185, Elspeet. Tel. 0577-498111. **La temo estos : "Petro la Granda, sciencaj kaj kulturaj interŝanĝoj".**
La prelegontoj estos :
**Ko Hammer**. Li amuze enkondukos tiun temon per rakonto pri la vizito de caro Petro la Granda al Nederlando (Zaandam kaj Amsterdam).
**Ed Borsboom** . La titolo de lia prelego estos : "Rusaj Esperanto-verkistoj". Li principe parolos pri la verkistoj el la unua periodo de Esperanto.
**Ben Weber**, denaska esperantisto, prelegos kun pianludo kaj sonbendoj pri la fama rusa komponisto Peter Iljiĉ Ĉajkovskij.
**Moissej Bronŝtejn** el Tiĥvin (ĉe St. Peterburgo). La titolo de lia prelego estos : "Esperanto en Sankt-Peterburgo - 105 jaroj". Ĉi tiu fama kaj talentplena Ruso (muzikisto, poeto, verkisto) ankaŭ prizorgos sabate la distran vesperon.
La lasta prelegonto estos **Ulrich Brandenburg**, denaska esperantisto kaj funkciulo ĉe NATO en Bruselo. La titolo de lia prelego estos : "NATO kaj Ruslando".
Se vi interesiĝas, petu aliĝilon al :
**Peter van Noorden, Dr. A. Schweitzerlaan 22, NL-1443 WT Purmerend (tel: 0299-431456).**
La partoprenkostoj varias ekde la 1-a de junio de NLG 155 ĝis NLG 225. por 2 noktoj kaj de NLG 115 ĝis NLG 155 por 1 nokto. Detalojn vi trovos sur la aliĝilo. Sur la tereno de "Mennorode" estas ankaŭ kampadejo. Se vi volas uzi ĝin, anoncu vin ĉe ĉi tiu feriejo. Adreso kaj telefono ĉi supre.

*S.Krombeen-van Aartsen*



# El la Mondo

KROATIO

Speciale por SENNACIULO

# VUKOVAR

## ❖ preparante revenon ❖

**Intervjuo kun direktorino de Urba Muzeo de Vukovar en rifuĝo.**

Dum la lastaj monatoj la internacia komunumo serioze engaĝis sin en la procezo de la paca integriĝo de la ĉedanuba parto de Kroatio.

Meze de aprilo, kun la lokaj elektoj en Kroatio, la elektoj okazis ankaŭ tie.

Do, evidentiĝas, ke la plena reveno de tiu teritorio al Kroatio proksimiĝas.

Jam de ses jaroj pli ol 20.000 loĝantoj dissemitaj tra la lando senpacience atendas rehejmiĝon.

Kiel sin preparas por tiu momento Urba muzeo de Vukovar en rifuĝo ni eksciis de ĝia direktorino, s-ino Ruĵa Mariĉ. S-ino Mariĉ naskiĝis en la urbo kaj tie laboris en la muzeo ĝis la okupo de la urbo.

***

*M.B. S-ino Mariĉ, ĉu vi povas mallonge skizi la historian evoluon de la Urba muzeo de Vukovar?*

**Mariĉ**: Urba muzeo de Vukovar havas jam duonjarcentan historion. Nome, la unua kolektaĵo estis publike prezentita en la jaro 1948, sed la Muzeo mem estis enskribita en la libroj en la jaro 1946 kiel la donaco de d-ro Antun Bauer. Tiu donaco konsistanta el tri partoj: kolektaĵo de la mebloj, numismatiko kaj kolektaĵo de armiloj iĝis bazo por la Muzeo. La Muzeo dum siaj unuaj jaroj estis lokita en la konstruaĵo de la malnova poŝto, en la baroka centro de la urbo. Dum la sekvaj jaroj la muzea kolektaĵo signife pliriĉiĝis. Oni kolektis diversajn dokumentojn pri la historio de la urbo kaj historio de la familio Eltz, kiu signife kontribuis al la vivo de la urbo de la jaro 1736 ĝis la fino de la dua milito. Ili estis grandaj posedantoj kaj ili konstruis kastelon Eltz ĉirkaŭ kiu poste fondiĝis centro de la urbo. La familio havis grandan influon al la ekonomia kaj kultura evoluoj de la urbo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo.

La muzeo en la jaro 1966 translokiĝis al la centro de la urbo, nome en la kastelon Eltz, kie sian vivon komencis 1945.

*M.B. Krom la unua iniciata kolekto, d-ro Bauer pliriĉigis muzean fonduson per alia kolekto.*

**Mariĉ**: Li donacis al la Muzeo antaŭ dudeko da jaroj grandan kolekton konsistantan el la verkoj de la modernaj kroataj verkistoj kun aparta atentigo al la inter- dumondmilita periodo. De la fondo de tiu kolekto ĝis la komenco de la milito, la kolektaĵo Bauer nombris 1600 artaĵojn.



*Baroka kastelo Eltz en kiu troviĝis Urba Muzeo Vukovar - post la detruo, fotita en 1991*

unuopaj kolektaĵoj. Dum sia duonjarcenta ekzisto, la Muzeo kolektis grandan kolekton de 50000 eksponaĵoj kiuj estis selektitaj en diversaj specifaj kolektaĵoj: de paleontologia, arĥeologia ĝis dokumentoj pri la moderna historio.

*M.B. En la ĉirkaŭaĵo de la urbo jam ekzistis alia valora historia loko.*

**Mariĉ**: Jes, tie troviĝas la arkeologia loko "Vuĉedol". Ĝi estis tre bone esplorita dum la jaro 1938, dek jarojn antaŭ la fondo de la muzejo. La esploroj pri la vuĉedola kulturo estis priskribitaj en la libro aperinta en la jaro

*M.B. Vukovar estas ankaŭ urbo de nobelpremiito.*

**Mariĉ**: Nia samurbano estis Lavoslav Ruĵiĉka. En lia naskiĝdomo estis inaŭgurita memormuzeo. Ĝi estas bazita sur la interparoloj kun Ruĵiĉka mem kaj surbaze de la arĥivo kiun li lasis. Tie estis prezentitaj diversaj aĵoj ligitaj al evoluo de lia kariero kaj scien-



# El la Mondo

ca laboro ĝis la 1939 jaro, kiam li ricevis la premion por kemio, diversaj diplomoj, medaloj kiujn li ricevis kaj liaj personaj aĵoj.

***M.B.** Fine de la okdekaj jaroj la eksponaĵoj estis vaste prezentitaj al la publiko.*

**Mariĉ**: En la jaro 1984 kunlabore kun la Filozofia fakultato el Zagrebo komenĉiĝis grandaj esplorlaboroj pri la vuĉedola regiono, kiuj daŭris sep jarojn, kaj kiujn rompis la militaj atakoj. La rezultoj de la esploroj alportis amason da nova arkeologia materialo. Ilin, la Urba Muzeo de Vukovar, krom en sia ĉirkaŭaĵo prezentis vaste al la kroata publiko per serio da ekspozicioj en la jaro 1988. Dum la posta jaro estis en zagreba muzea centro prezentita kolektaĵo "Bauer". Okaze de ambaŭ ekspozicioj estis preparitaj tre belaj kaj detalaj katalogoj. En la Kroata Akademio de Sciencoj prezentiĝis la kolektaĵo de Lavoslav Ruĵiĉka.

***M.B.** Post tiuj sukcesaj prezentoj la Muzeo havis bonan bazon plu daŭrigi la sciencan laboron super sia fonduso, sed tiam la urbo estis atakita.*

**Mariĉ**: La urbo estis bombardita la 28-an de aŭgusto 1991. Post tri monatoj de la konstanta atako estis detruita la urbo mem, sed samtempe la muzeaj konstruaĵoj. Parto de la eksponaĵoj kiuj troviĝis en la franciskana monaĥejo kaj en la kastelo estis ŝirmitaj de la bombardado, detruado kaj bruligado. Sed post la okupo de la urbo la 18-an de novembro 1991 kaj dum sekvaj 4-5 tagoj la kolektaĵo estis prirabita. Unu el la kuratoroj de la muzeo, s-ro Petroviĉ, kiu estis la estro de la kolektaĵo "Bauer", estis kaptita kaj li malaperis en la grupo kun aliaj 2500 homoj. Post tiu okazaĵo ni ne plu fizike povis konstati la sorton de la eksponaĵoj. Ni povis nur informiĝi pere de artikoloj de la eksterlandaj ĵurnalistoj. Pere de beograda televido ni povis sekvi la forveturadon de la eksponaĵoj al Novi Sad kaj Beograd sub la gvido de tiama ministro pri kulturo kaj kuratoroj de la vojvodina muzeo kaj Popola muzeo el Beograd. Poste ni povis nur sekvi la raportojn de diversaj internaciaj komisionoj (de la Konsilio de Eŭropo, UNESKO, k.s.) kiuj havis eblecon viziti Beograd, Novi Sad kaj Vukovar kaj mem ekkoni faktan staton de la eksponaĵoj. Ni scias, ke parto de la muzeaj eksponaĵoj ankoraŭ hodiaŭ troviĝas en la Vojvodina muzeo.



*Historia Muzeo Vukovar - en printempo 1992*

***M.B.** Ĉu vi kontaktis kun iuj, kiuj transprenis la kolektaĵojn?*

**Mariĉ**: Neniuj kontaktoj ekzistis kaj al neniu kroato estis permesite eniri Vukovar kaj mem vidi la staton de la kultura heredaĵo ĝis ĉi lastaj monatoj kiam oni trairis al la fazo de la paca integriĝo de la vukovara parto kaj ĉedanuba parto de Kroatio. Pere de la komisionoj fonditaj de kroatia intertempa oficejo en Osijek kaj UNTAES, eblis kelkfoje kontakti serbojn kiuj prezentis kulturon kaj edukadon de iu teritorio. En tiuj kontaktoj ili ĉiam menciis, ke ili ne estas kompetentaj doni informojn pri la sorto de la eksponaĵoj, sed ke pri tio oni devas kontakti Serbion.

La Ministerio de kulturo de Kroatio kaj la Parlamento fondis stabon por la rekonstruo de la kultura heredaĵo de la urbo. La ministro pri kulturo de Kroatio plurfoje iniciatis, ke la stabo vizitu la urbon kaj mem konstatu la staton de la kultura heredaĵo. Post du provoj, nur trian fojon la stabo sukcesis eniri la urbon en la akompano de UNTAES. Oni povis nur el veturiloj vidi la staton de la konstruaĵoj. Ni ne povis eniri iun konstruaĵon. Tamen, ni povis vidi nur la kulisojn de la muroj kiuj estis detruitaj dum la bombardado kaj poste pro ne tuja riparado ruinigitaj pro la meteoroligiaj ŝanĝoj.

Ĉe la monaĥejo ni povis vidi, ke oni forprenis ĉion porteblan, benkojn kaj alian enhavon kaj el la muroj ili ŝiris ĉion ŝireblan. La konstruaĵo de la kastelo estis iomete riparita kaj dum la lasta tempo aperis improvizitaj tegmentoj.

***M.B.** Ĉu iaspeca muzeo tamen ekzistas en Vukovar?*

**Mariĉ**: Laŭ niaj scioj, en la konstruaĵo de la muzeo troviĝas kelkaj ejoj, antaŭaj oficejoj, kie oni neregule organizas prezentojn, ion similan al la muzea vivo, sed konstanta laboro de la muzeo ne ekzistas.

***M.B.** Tamen, vivo de la Urba muzeo de Vukovar ekzistas.*

**Mariĉ**: Ni, kiel la Urba muzeo en



# El la Mondo

la rifuĝo organizis plurajn manifestaciojn, ekpoziciojn, rondajn tablojn. Ni preparas kaj eldonas monografiojn, historiajn librojn. Ni inaŭguris diversajn ciklojn de la ekspoziciaj aktivecoj kun la deziro montri kulturan heredaĵon de urbo Vukovar. Tion ni povis fari en la kunlaboro kun diversaj muzeoj, galerioj, fakaj institucioj kaj individuoj, kiuj helpis la realigadon de la projektoj.

Pasintjare ni iniciatis specifan ciklon, nomitan "Vukovar - preparante revenon - heredaĵo kaj renovigo". Per tio ni deziras montri kiel ni travivis tiujn ses jarojn.

Ni sukcesis kolekti tre valoran kolektaĵon de 1400 modernaj artaĵoj. Ilin donacis al la Muzeo kaj al la urbo pluraj kroataj, sed ankaŭ pluraj eŭropaj artistoj. Tiu kolektaĵo certe bezonus novan spacon en la organizo de la Muzeo. Per la formo de novaj aktivecoj ni prezentis la etnografian heredaĵon de la urbo kaj en la programo por la reveno ni animis plurajn muzeojn en Kroatio kaj urbojn kaj regionojn kie vivas dum ĉi tiuj ses jaroj en la rifuĝo pli ol 20.000 vukovaranoj. Temas pri la kolektaĵo de la kroataj popolkostumoj el 30 lokoj, kio simbole signifas ke ĉiuj regionoj kie vivis vukovaranoj estos pere de ĉi tiu kolekto kolektitaj en Vukovar. Ni ankaŭ prezentis la kolektaĵon de savitaj kaj rekonstruitaj altaraj bildoj el la fraciskana monaĥejo. Ili estis elportitaj el la urbo dank' al la franciskanoj. Pri ĉi tiu ekspozicio ni eldonis la katalogon kaj baldaŭ aperos la monografio kiu prezentos grandan kontribuon de la franciskanoj dum lastaj kelkaj jarcentoj al la vivo de la urbo.

Per apartaj monografioj ni deziras prezenti etajn lokojn en tiu spaco kiuj estas interesaj pro sia historio el la romia periodo kaj kiuj dum la okupo de la urbo havis grandan signifon. La Muzeo eldonas diversajn propagandilojn okaze de la urbaj jubileoj, afiŝojn, bildkartojn, ksm. Per siaj ekspozicioj la Muzeo ofte gastas en- kaj eksterlande. Per ĉio ĉi menciita ni deziras rekonstrui kaj komenci novan vivon en tiu regiono.

***M.B.*** *Vi jam havas preparitajn programojn realigeblajn post la reveno. Estas interesa mencio pri sufiĉe vasta plilarĝigo kaj modernigo de la muzeaj kolektaĵoj.*

**Mariĉ**: Oni devas redoni la artaĵojn el Serbio. Ni deziras rekonstrui la memordomon de Lavoslav Ruĵiĉka al nova vizio de la muzeo de nobelpremiitoj, ĉar ankaŭ lia lernanto Prelog ricevis Nobelpremion kaj dum ĉi jaroj ni ricevis la subtenon de pluraj nobelpremiitoj.

Ni deziras fondi ankaŭ du novajn muzeojn, muzeon de moderna arto kaj muzeon pri/de holokaŭsto, kiu estos dediĉita al la milito kaj okazaĵoj en Vukovar dum la trimonata sieĝado kaj okupado.

Hodiaŭ en la periodo de paca integriĝo mi havas preparitajn materialojn kunlabore kun la Ministerio de kulturo, stabo por kultura renovigo de la urbo, Ministerioj de renovigo kaj loka planado. Ĉion ni preparis, sed ankoraŭ ni ne havis eblecon viziti la urbon kaj mem konstati la staton de la kulturaj urbaj monumentoj.

***M.B.*** *Ni dankas al vi kun la deziro ke via muzeo kaj dudeko da miloj da vukovaranoj kiel eble plej baldaŭ revenu hejmen.*

Intervjuis : Marija Beloŝeviĉ

## *Ni legis por vi...*

San Antonio :

**"La Maljunulino kiu paŝis en la maro"**. Elfrancigis Armela Le Quint kaj Ĵak Le Puil. Formato: poŝlibro. 350 paĝoj. Eldonis : Esperanto-France. Prezo : 135,00 FRF.

---

Mi legis multajn romanojn de San-Antonio (vera nomo Frédéric Dard), ne ĉiujn, ĉar preskaŭ ne eblas, tiom multaj ili estas. Kompreneble mi legis ilin franclingve, ĉiam tre ŝatis kaj ofte ridegis. Ridegis pro la eltrovaĵoj ekde la franca lingvo. Tiu San-Antonio ludas per la franca lingvo. Li apogas sin sur la francan lingvon, inventas vortojn, transformas ilin. Ofte li estas maldeca sed ĝoje. En tiuj romanoj mankas tute la ideoj, nur la vortoj gravas. Oni sciu, ke tiaj verkoj estas konsiderataj kiel "stacidoma literaturo", libroj aĉetitaj ĵus antaŭ trajnvojaĝo. En tiu "Maljunulino", se oni fortiras vortojn krudajn, malicajn, maldecajn, restas nenio.

Kiam oni tradukas verkon pri ideoj (tekniko, filozofio, politiko...) la afero estas relative simpla, kondiĉe ke la tradukanto estu talenta. Kelkfoje oni eĉ tiel malkovras ĉefverkon. Tiam la tradukanto fariĝas vera verkisto. La ekzemploj oftas. Mi pensas pri ĵusa traduko de la "Fremdulo" de Camus. La tradukinto, Michel Duc Goninaz, majstris sian taskon sed en tiu libro la vortoj duarangiĝis malantaŭ la penso. Ĉe nia "San Antonio", mi jam diris, nur gravas la vortoj kaj tiuj francaj vortoj estas tre malfacile, eble tute ne tradukeblaj, ĉu en Esperanton ĉu en aliajn lingvojn.

Por konkludi, ni diru ke niaj geamikoj, Armela kaj Ĵak certe penis kaj ŝvitis por tiu grava laboro. Kun alia aŭtoro estus sukceso. Sed kie estas malebleco, oni ne povas sukcesi.

JOBO



# El la Mondo

## KONGOLO

Kongola Libera Ŝtato 1885-1908
Belga Kongolo 1908-1960
Demokrata Respubliko Kongola 1960-1971
Respubliko Zairia 1971-1997
Demokrata Respubliko Kongola 1997-

# LA SENPOTENCIGO DE LA ZAIRIA DIKTATORO

La regno de Mobutu en Zairio finiĝis. Kion atingis Zairio, nun denove Kongolo, en la pasintaj 32 jaroj, kaj ĉu aferoj pliboniĝos sub la nova reganto ?

### De kie venis Mobutu ?

Generalo Mobutu estis ĉefkomandanto de la kongola armeo. En Novembro 1966 li eloficigis Prezidenton Kasavubu kaj kvar jarojn poste nomis sin mem Prezidento.

### Ĉu li estis sukcesa Prezidento ?

Nur el la propra vidpunkto. Lia patro estis kuiristo en misiejo kaj la patrino forkurintino el la haremo de tribestro, kaj li sukcesis fariĝi unu el la plej riĉaj homoj en la mondo kun personaj posedaĵoj sumiĝantaj ĝis 2,5 miliardoj da dolaroj. Oni diras, ke ili atingis zeniton de 4 miliardoj da USD. Li aĉetis luksajn domojn en Francio, Belgio(nur en Bruselo naŭ proprietaĵoj), Svislando, Hispanio kaj Maroko. En la kelo de lia portugala vilao kuŝas 14000 boteloj da portovino, el kiuj, ĉiu valoras 150 USD, kio superas la jaran enspezon de la averaĝa zairiano. Li ankaŭ konstruigis palacon en Gbadolite, la hejmurbo de siaj prapatroj.

### De kie la mono ?

Li prifraŭdis ĝin. Li traktis la centran bankon kaj la financministerion kiel siajn proprajn ŝparpotojn. Kun siaj kunuloj li ĉerpis monhelpon rekte el la pagoj faritaj de helpagentejoj kaj la Mondobanko. "Kion ajn oni entreprenis, la mono malaperis", diris funkciulo de la monhelpo en Britio, kiam tiu lando ĉesis doni eĉ neregistarajn helpopagojn.

Mobutu ankaŭ prenis procentaĵon de la enspezoj ricevitaj pro mineraleksportoj. Kiam li bezonis monon por "prezidenta larĝanimeco", li simple prenis ĝin el la centra banko. Ankaŭ ĝis duono de la buĝeto destinita al kapitalinvestado uziĝis por liaj personaj celoj. Apenaŭ necesas diri, ke ĉio ĉi estis bone konata al Okcidentaj registaroj, bankoj kaj agentejoj kiuj elektis preterrigardi ĝin.

### Kion li heredigis al la Zairia popolo ?

Malpli altan vivnivelon ol en la momento de sendependiĝo. La substrukturo diseriĝis. El la 30 000 km da veterrezistaj ŝoseoj kiuj restis je sendependiĝo, restas nur kelkcentoj. La telefonsistemo estis tiel longan tempon neglektita, ke estas pli facile vojaĝi al Eŭropo el Zairio ol tien telefoni. Nur la riĉuloj kun porteblaj telefonoj povas interkomunikiĝi. Antaŭ ĉio, Mobutu postlasas heredaĵon de cinikismo : ĉiu kaj ĉio havas sian prezon !

### Kiel do li pretervivis tiel longe ?

Li lerte manovris inter la dividlinioj de la 200 enlandaj etnoj. Politikajn kontraŭulojn li subaĉetis, proponante al ili postenojn el kiuj ili povis ĉerpi tujajn riĉaĵojn. La disfalado de la substrukturo mem bremsis la eblecon, ke armea revolucio disvastiĝu de unu regiono al la alia. Krome, li ricevis subtenon el Usono, Francio kaj Belgio.



*Eĉ bone pagitaj dungosoldatoj ne sukcesis savi Mobutu.*

### Kial Mobutu estis tiel grava por la Okcidento ?

Parte, ĉar oni - precipe CIA - konsideris

lin fortikaĵo kontra la komunismo. Same grave, lia lando estas nemalhavebla fonto de mineraloj. Zairio posedas 70 % de la monda kobalto, amason da diamantoj, oro, kupro kaj uranio, sed pro la fino de la malvarma milito kaj misadministrado de la mineralaj riĉaĵoj, internacia subteno al la diktatoro velkis.

### Kiel komenciĝis la nuna ribelado ?

Ĝi komenciĝis kiam centmiloj da rifuĝintoj el la Hutu-tribo inundis orientan Zairion post kiam la genocida registaro de Ruando, kiun Mobutu subtenadis, estis venkita de la Tutsiaj ribeluloj. Oni ankaŭ klopodis elpeli 300 000 indiĝenajn tutsiojn el Zairio, malgraŭ tio, ke ili estis tie vivintaj dum generacioj. Ĉio ĉi ebligis al Laurent Kabila, la antaŭe sensukcesa gerilestro, provoki kaj komenci aŭtentikan popolribelon.

### Kiu estas Kabila ?

Li estas 58-jara revoluciulo, kiu, same kiel Pol Pot, edukiĝis en Parizo en la 50-aj jaroj kaj havis rilatojn kun la maldekstrula ribelado de 1964-65, en kiu Che-Guevara partoprenis. Guevara trovis lin tro amema al alkoholo kaj virinoj, kaj tro inklina "gvidi de malantaŭe". Ekde tiam Kabila ĉeestadis armile en orienta Zairio, kvankam milita aktivado estis sporada kaj malgrandskala; ekzemple forkapto (kontraŭ elaĉeto) de tri usonanoj en 1974, kaj la okupado dum du tagoj de la urbo Moba en 1984. En la intertempo li starigis bonajn rilatojn kun Museveni el Ugando kaj Nyerere el Tanzanio, du viroj kiuj ĉiam malamegis Mobutu.

### Kiu krome subtenas lin ?

Kelkaj diras ke la usonanoj armigis lin, ĉar ili konstatis, ke Mobutu fariĝis maloportunaĵo; ili preferus homon kiu ion ŝuldas al Usono. Oni ankaŭ diras, ke dum la antaŭenmarŝo de la armeo de Kabila en la provincon Ŝaba (antaŭe Katanga) kie situas kelkaj tutmonde plej grandaj tavoloj da ne-ferozaj metaloj, usonaj kaj kanadaj minejaj kompanioj marĉandis kun li.

### Ĉu Kabila ankoraŭ estas marksisto ?

Eble, iusence. Lastatempe li faris paroladojn en kiuj li kulpigis la Okcidenton pro ĉiuj malbonaĵoj en Zairio. Li funkciigis ideologiajn re-edukajn sesiojn en la "liberigitaj" landopartoj por eduki la funkciulojn de la nova reĝimo. Nenio, el kio, kompreneble, malkongruas kun la glata funkciado, el kapitalisma vidpunkto, de la minejoj de Ŝaba.

### Kiu gajnas kaj kiu malgajnas ?

La usonanoj estos anstataŭigintaj ĉiujn aliajn influojn en Kongolo. La francoj estos perdintaj ĉian influon pro sia subtenado al Mobutu ĝis la lasta momento. La intenco de Kabila ŝanĝi la administran lingvon de la franca al la angla des pli ĉagrenos la franclingvanojn.

Helga Rapley

*Fontoj: Cambridge Encyclopedia, Whitaker's Almanack, Pears Cyclopædia, The Week.*




## MORTPUNO EN AFRIKO

Amnestio Internacia ĵus publikigis 31-paĝan raporton pri la mortpuno en Afriko. Dudekdu afrikaj ŝtatoj aboliciis tiun punon, jure aŭ praktike. Tridekunu daŭre praktikas ĝin. Zambio, kiu ekzekutis neniun depost 1989, sekrete ekzekutis ok personojn en februaro 1997. En Komoroj okazis ekzekutoj en 1996 kaj Gambio releĝigis la mortpunon en 1995.

En multaj landoj, la tribunaloj ludas elstaran rolon en la movado kontraŭ la mortpuno. La konstitucia tribunalo de Sud-Afriko konsideris, ke la mortpuno kontraŭas la konstitucion. Juĝisto de alta tribunalo en Tanzanio konkludis, ke la justica mortpendigado estas puno kruela, malhoma kaj maldigna, do kontraŭa al la konstitucio.

De 1992 oni mortpunas pro terorismo en Alĝerio kaj Egiptio. En Somalio, islamaj tribunaloj mortpunas pro adulto. En multaj afrikaj landoj, la mortkondamnitoj vivas en teruraj kondiĉoj, foje dum jardekoj. Iuj estas grave mense malsanaj, aliaj ĉesigas sian suferadon per memmortigo.

La raporto de Amnestio Internacia mencias 4 ekzekutajn metodojn uzatajn en Afriko : pafado, pendigado (en kelkaj landoj, ĝin sekvas publika krucumado de la kadavro), ŝtonmortigado kaj senkapigado.

En multaj afrikaj landoj, la procesoj estas maljustaj, aŭ la proceduro ne estas respektata. Estas akceptataj kiel pruvoj konfesoj eltruditaj per torturo. La politikaj estroj influas la juĝistojn. Tiel, Ken Saro-Wiwa kaj 8 aliaj Ogoni-etnanoj estis ekzekutitaj en Niĝerio la 10-an de novembro 1995. En Ruando, la justeco de la mortverdiktoj estas pridubebla, ĉar la justica sistemo estis detruita dum la genocido de 1994.

Amnestio Internacia argumentas "Ŝtato ne praktikas seksperfortojn por montri, ke estas malbone seksperforti. Same, ĝi ne mortigu krimulojn por pruvi, ke mortigi estas krimo."

J.L.

**ĈU VI ŜATAS VIAN ASOCION ?**

**SE JES, HELPU ĜIN FINANCE KAJ KUNLABORE !**

Amikaro

# 52- KONGRESO DE SAT AMIKARO - LIMOĜO -

Ni alvenis vendredon je la 19a horo kaj jam en la restoracio "Cora" proksimume 100 gekongresanoj vespermanĝis. Poste ni havis kelkajn problemojn por




*Dum la laborkunsido*

Fotis: G. Chevrolat

trovi la hotelon, sed Isabelle Jacob, ĉiam afabla kaj ridetanta, gvidis nin al la celo. Ni ne ĉeestis la konferencon de la ge-Robineau, kiun ni jam aŭdis en Bretonio.
Sabaton matene ni ricevis niajn kongresaĵojn en la akceptejo. La O.K.K. bonege organizis la disdonadon kaj la atendo ne estis longdaŭra. Ni havis do jam sufiĉe da tempo por viziti la kunvenejon, vere imponan kaj bone ornamitan per esperantaĵoj kaj desegnoj faritaj de infanoj.
Posttagmeze ni elektis la ekskurson al Limoĝo. La vizito per la trajneto estis agrabla, sed la okupantoj de la lasta vagoneto tute ne estis trankvilaj pro la tangado. Ni vidis rapide la monumentojn, muzeojn pri porcelano, la imponan stacidomon. La trajneta vojaĝo finiĝis ĉe la katedralo kaj episkopeja ĝardeno kie la buso atendis nin.
Alia ekskurso kondukis la partoprenantojn al Oradour sur Glane (loko en Francio kie en 1944 ĉiuj geloĝantoj estis masakritaj fare de naziaj soldatoj), de kie ili revenis kompreneble kortu-ŝitaj.
Vespere ni aŭskultis prelegon de Miquel Fernandez Martin pri F. Garcia Lorca. Li ilustris la portreton de Lorca per recitado de liaj poemoj, per kantado de hispanaj kanzonoj el andaluzia folkloro. Lia "stentora" voĉo vekis kelkajn dormemajn spektantojn.
Dimanĉe okazis solena malfermo kun salutoj de diversaj organizoj kaj delegitoj, de la urbestro kaj senato, sed plej kortuŝa estis la interveno de la prezidanto de SAT-Amikaro, k-do Rolando Grandière. Li anoncis, ke pro sia malbona sanstato li forlasos sian postenon. Anstataŭos lin k-do Jean Selle, bone konata aktuala redaktoro de SAT-Amikaro. Je la 11-a horo la honorvino kunigis ĉiujn ĉeestantojn.



*Mirinde aranĝita kaj riĉa libroservo de SAT-Amikaro, kiun prizorgas k-do Bernard Schneider (sidas, sur la foto)*

Fotis: G. Chevrolat

Delegitoj de la regiona konsilantaro kaj de la urbestro memorigis pri diversaj kongresoj kiuj jam okazis en Limoĝo. La reprezentanto de la urbestro menciis ke baldaŭ estos inaŭgurita mediateko kiu enhavos 300 esperanto-librojn. Li fine salutis ĉiujn per kelkaj vortoj en esperanto.
Lunde, lasta laborkunveno kaj multaj aliaj prelegoj:
- Claude Roux prelegis pri plantnomoj kaj ilustris ĉion per lumbildoj.
- Georges Lagrange prezentis la "Kvinpetalo-n", kiu pli kaj pli vastiĝas sed ankaŭ multe kostas.
- Nia peterburga amikino Nelli rememorigis per lumbildoj al la SAT-kongresintoj ilian vojaĝon al tiu belega urbo.
La video pri Corrèze (regiono en Francio) tre plaĉis al multaj ĉeestantoj.
Posttagmeze jam multaj ĉeestantoj foriris. Dum la adiaŭa vespero, oni gaje dancis en la salono.
Marde - ni partoprenis la ekskurson al Pompadour. Survoje ni haltis en St. Yrieix kie ni vizitis muzeon plenan je mirindaj porcelanaĵoj. Kaj kia surprizo ! Sur breto, tute sube, ni malkovris skulptaĵon kiu plaĉis al ĉiuj. Nome : terglobo kun supre - esperanta stelo kaj sube, krono el 9 steletoj kaj ĉiu portanta unu leteron de la vorto E.S.P.E.R.A.N.T.O. La direktoro de la muzeo ankaŭ surpriziĝis kaj promesis al ni, ke li diskonigos tion. Poste ni vizitis la kukfabrikon kaj fine ĉevalinejon. Tie ĉarma gvidistino klarigis al ni, kiel per kameraoj oni kontrolas la naskiĝojn de ĉevalidoj, kaj ofte komparante virojn kaj virĉevalojn emfazis la superecon de la ĉevalo kiu povas naskigi 40 idojn jare (sed ne kun la sama ino!).
La alia ekskurso kondukis alian grupon al Vassivière kie ili ŝipadis sur la lago sub bela suno.

*André kaj Louise RIGAULT*

# FINANCA RAPORTO 1996

*En 1996 malpli da vendoj. Pli da kotizoj ĉefe pro helpokotizoj. Diversaĵo estas esceptaj enkasigoj de profito de malnova kongreso kaj de elspezoj donacitaj al SAT post la proceso. Iom malpli da kosto por la revuo pro malpli granda kvanto en la presado. Pri la salajraj ŝarĝoj la procentoj iom plialtiĝis kaj por pensio estas tutjara kotizo kiu estis nur parte en 1995.*

*La financoj entute estas malbonaj, eĉ se anoj malavare pruntedonis por la eldonoj. Ni bezonus havi pli da membroj en pagipovaj landoj kaj vendi pli da SAT-eldonoj. La kongreso en Augsburg devos serĉi kaj decidi pri la rimedoj por ke nia situacio pliboniĝu.*

*T. SABATIER*

## ASOCIAJ SPEZOKONTOJ POR LA JARO 1996 (en FRF) - PARIZO

| KOSTOJ | 1996 | 1995 |
|---|---|---|
| Aĉeto de varo | 69.891 | 109.089 |
| Variado de la stoko | (-14.365) | (-96.454) |
| Aliaj aĉetoj kaj servoj | 12.061 | 15.241 |
| Preso-kostoj | 70.600 | 81.573 |
| Sendokostoj de la revuoj | 36.996 | 46.287 |
| Aliaj afrankaj elspezoj | 7.906 | 8.896 |
| Sidejaj domŝarĝoj | 5.333 | 8.403 |
| Telekomunikiloj | 9.070 | 7.497 |
| Elektro | 4.804 | 6.980 |
| Vojaĝkostoj delegitoj + honorar. | 6.358 | 3.305 |
| Asekuro | 1.459 | 2.092 |
| Impostoj kaj taksoj | 225 | 207 |
| Salajro - malneta | 157.036 | 149.923 |
| Sociaj ŝarĝoj | 78.158 | 46.911 |
| Amortizo kaj stokprovizo | 11.907 | 28.149 |
| Subvencioj | 800 | 29.265 |
| Financaĵoj | 928 | 970 |
| Diversaĵoj | 4631 | 7.335 |
| *Entute* | 463.798 | *455669* |

| RIMEDOJ | 1996 | 1995 |
|---|---|---|
| Vendo de varo | 98.420 | 211.773 |
| (kies eksportado) | (68.216) | (137.400) |
| Kotizoj, donacoj | 274.280 | 166.176 |
| Interezoj | | 1.325 |
| Diversaĵoj | 29.108 | 0 |
| Rezultato (perdo) | 61.990 | 76.395 |
| *Entute* | 463.798 | *455.669* |

### RAPORTOJ DE LA REVIZOROJ

Post la kontroloj kiujn ni faris super la spezoj en Parizo, koncerne la jaron 1996 ni deklaras, ke la kontoj estas en bona ordo. Al ni estis komunikitaj la dokumentoj pruvantaj la realecon kaj ĝustan aplikon de ĉiuj spezoj.

R. MEURANT    C. BILLARD    R. BULCOURT

## BILANCO JE LA 31.12.1996 (en FRF) - PARIZO

| Kontojaro | | | 1996 | 1995 |
|---|---|---|---|---|
| **AKTIVO** | **malnete** | **amortizo** | **nete** | |
| Asocia sidejo | 0 | | 55.345 | 55.345 |
| Meblaro, laboriloj | 12.606 | 4219 | 8387 | 9.647 |
| Teknika materialo | 88310 | 72201 | 16109 | 21.519 |
| ***Sume (I)*** | | | ***79841*** | ***86.511*** |
| Librostoko | 184119 | 15700 | 168419 | 154.054 |
| Debitoraj libroservoj | | | 41235 | 19.499 |
| Ricevotaj kotizoj | | | 41951 | 36.145 |
| Ricevotaj taksoj | | | 6205 | 7.525 |
| Aliaj debitoroj | | | 7266 | 6.986 |
| Disponebla mono | | | 55614 | 135.066 |
| Ŝarĝoj antaŭpagitaj | | | 7290 | 15.000 |
| ***Sume (II)*** | | | ***327980*** | ***374.275*** |
| ***Entute (I + II)*** | | | ***407821*** | ***460.786*** |

| Kontojaro | 1996 | 1995 |
|---|---|---|
| **PASIVO** | | |
| Asocia kapitalo | 323673 | 415.068 |
| Kontojara rezulto | -61990 | - 76.395 |
| ***Sume (I)*** | ***261683*** | ***338.673*** |
| Ricevitaj antaŭpagoj | 14087 | 1.334 |
| Deponoj de fakoj k. membroj | 115957 | 23.906 |
| (el kiuj 88128 prunto de anoj por PV,ktp) | | 12.262 |
| Pagotaj fakturoj kaj sociaĵoj | 14344 | 84.611 |
| Kongresdepono | 1750 | - |
| ***Sume (II)*** | ***146138*** | ***122.113*** |
| ***Entute (I+II)*** | ***407821*** | ***460.786*** |



# 70-a Kongreso de S.A.T.

## 02.-09.08.1997 en Augsburg

OKK :
Prezidanto : Hermann Schmid
Adreso : Esperanto-Press Augsburg, Hermann Schmid, Waterloostrasse 21, DE-86165 Augsburg,
Telefono el eksterlando : + 49.821.792835 ; el Germanio : 0821 / 792835 + 488149
Poŝtkonto : Hermann Schmid, Sonderkonto 86356 Neusäß. Postgiramt München Kto-nro 56 99 93-808 (Bank-kodo 700 100 80) por 70a kongreso de SAT 1997 - Augsburg.

| **KONGRESKOTIZOJ** | **ĝis 1997.06.15** | **poste** |
|---|---|---|
| SAT-membro | 124.-DEM | 10% pli |
| SAT-geedzoj | 206.-DEM | en ĉiuj |
| SAT-gejunuloj | 66.-DEM | kategorioj |
| Gasto | 176.-DEM | |
| Gast-geedzoj | 246.-DEM | |

Infanoj (ĝis 15 j) ne pagas la kotizon
**Kongresejo : KOLPINGHAUS, Frauentorstr. 29, DE-86152 Augsburg.**

La supre menciitaj kotizoj (kategorio A) validas por la partoprenantoj el la landoj de Eŭropo ne sube menciitaj kaj el Aŭstralio, Israelio, Japanio, Kanado, Usono, Korea Respubliko, Sudafriko.
La partoprenantoj el CZ, HU, PL, SK, SI (kategorio B) ĝuas 30 % rabaton.
La partoprenantoj el AL, BG, RO, eksa SU, eksa YU krom SI kaj ĉiuj afrikaj, amerikaj kaj aziaj landoj krom supre menciitaj (kategorio C) ĝuas 50 % rabaton).
La aliĝilon bonvolu peti ĉe la adreso de la O.K.K.




## KARAJ GEKONGRESANOJ !

Kiel promesite en la junia numero, vi trovas ĉi sube la skizon pri la stacidomo kaj la tramhaltejo kie vi devas entramiĝi por iri al la kongresejo.

Do, de la ĉefa elirejo vi iru al la sube indikita tramhaltejo. Ĉe la tramhaltejo troviĝas aŭtomatoj por la aĉeto de transportbiletoj. Unu bileto kostas 1,70 DEM kaj post la aĉeto vi devas ĝin nuligi en la aparato interne de la tramo. Eblas ankaŭ aĉeti t.n. strian karton sur kiu troviĝas 8 biletoj. Tiu karto kostas 10 DEM. Evidente por iri al la kongresejo vi nuligu nur unu bileton el ok. Vi uzu la tramon numero 2 al la direkto Kriegshaber. La kvina haltejo estas la haltejo "Mozarthaus" kie vi forlasu la tramon. Tuj, vidalvide, troviĝas nia kongresejo "Kolpinghaus".

**Por aŭtomobilistoj** : vi alvenos per la aŭtostrato A 8. La Kongresejo Kolpinghaus troviĝas meze en la urbo, proksime de la katedralo (je kelkaj centoj da metroj), en Frauentorstr. 29. Al la Kolpinghaus apartenas subtera garaĝo, kiu estas uzebla kontraŭ pago (kotizo). Cetere, ĉiu tranoktejo havas parklokojn aŭ garaĝojn (ĉu hotelo aŭ eklezia tranoktejo).

La tagmanĝoj kaj vespermanĝoj estos servataj en Kolpinghaus, sed la matenmanĝojn oni servos en la hoteloj kaj en la eklezia instanco St. Paulus (ĉe la urba periferio), dume, por tiuj kongresanoj, kiuj tranoktos en aliaj ekleziaj instancoj, oni servos la matenmanĝon en Kolpinghaus, kiu nur distancas kelkajn minutojn de ĝi.

**Pri la mono** : Ni atentigas vin ke sabate la bankoj en Germanio estas fermitaj. Se vi ne posedas ian kutiman kreditkarton (VISA, MASTERCARD, EUROCARD, ktp), vi ne povos ŝanĝi monon sabate, nek dimanĉe. La posedantoj de la cititaj kreditkartoj povos uzi ilin en la specialaj aparatoj. Por ke vi ne havu monproblemojn, estas plej bone ke vi aĉetu germanajn markojn jam en via lando antaŭ la foriro al la kongreso.



SESA LISTO DE KONGRESALIĜINTOJ

126. I. Ĉudotvorova (UA); 127. S. Vajnblat (UA); 128. E. Boriskov (UA); 129. L. Sjedova (UA); 130. J. Gonĉarenko (UA); 131. O. Latuŝinskij (UA); 132. O. Polubedova (UA); 133. G. Verĥivker (UA); 134. L. Balaban (UA); 135. N. Belokurova (UA); 136. M. Irebler (UA); 137. S. Skljarov (UA); 138. V. Budnik (UA); 139. V. Velikij (UA); 140. M. Gonĉaruk (UA); 141. S. Jankovoj (UA); 142. J. Teslja (UA); 143. A. Teslja (UA); 144. L. Birenbaum (UA); 145. N. Borisovskij (UA); 146. P. Majdanjuk (UA); 147. N. Gudskov (RU); 148. R. Ishakova (RU); 149. N. Levitskiy (DE); 150. B. Kwantes (NL); 151. C. Kwantes (NL); 152. N. Kwantes (NL); 153. R. Bouchet (FR); 154. Y. Peyraut (FR).

# Novaĵoj tra INTERNET






**Esperanta poŝtmarko** aperis en Kroatio okaze de la Unua Kongreso de Kroataj Esperantistoj, kiuj okazis de la 31.5.-1.06. Kroata Poŝto kaj Telekomunikado eldonis ankaŭ specialan poŝtan stampon (v. foton) kaj tri rilataj filateliaj poŝtkovertoj kun la stampo de la Unua tago. Prezo de la unuopa poŝtmarko estas 3 guldenoj, 33 % rabato por pli ol 3 ekzempleroj. La kovertoj aperis: unu en Zagrebo, unu en Slavonski Brod kaj unu en Rijeka. La prezo de la koverto se malpli ol 4 ekz. estas 5 guldenoj. Mendebla pere de Kroatia E-Ligo, Amruŝeva 5/I, HR-10000 Zagreb, Kroatio, kaj pagebla al la konto de KEL ĉe UEA : **krel-z**. La unua kongreso de la kroataj esperantistoj rezultos ankaŭ per speciala monero de 25 HRK, loke nomata " kunjka". Ĝi aperos baldaŭ kaj ni informos pri ĝia akireblo post la apero.

*Informas: esperanto@zg.tel.hr.*

***

**Enketo**

En januaro 1997 la profesia nederlanda esplor-instituto NIPO sondis la opinion pri Esperanto de reprezentiva grupo de 501 nederlandanoj 16-50 jaraĝaj.

El la respondintoj 43 % ne scias, kio estas Esperanto. Tiu elcento estis 66 por junuloj 16-30 jaraj, 29 en la aĝgrupo 31-40 kaj 21 en la aĝgrupo 41-50.

El la nesciantoj multaj (10 %) opiniis ĝin la hispana (!) aŭ io hispanrilata.

Post klarigo al nesciantoj ke temas pri internacia lingvo, la instituto demandis la opinion pri la taŭgeco de Esperanto en internaciaj rilatoj. 51 % opinias, ke la enkonduko de Esperanto plibonigos la internaciajn rilatojn. En la diversaj aĝgrupoj tiu elcento varias: 61 % en la grupo 16-30jaruloj, 45 % ĉe 31-40jaruloj kaj 43 % ĉe 41-50jaruloj.

Iom pli ol la duono de la enketitoj opinias, ke enkonduko de Esperanto en la mezgradajn lernejojn estos pozitiva kontribuo al la internaciaj rilatoj. Ĉe la respektivaj grupoj (16-30, 31-40 kaj 41-50) la elcentoj estas 57, 48 kaj 48. Tiun opinion havas 66 % de la malpli edukitaj, 58 % de la meze edukitaj kaj 38 % de la alte edukitaj enketitoj. Virinoj (58 %) estas pli pozitivaj pri enkonduko de Esperanto en la mezgradajn lernejojn ol viroj (45 %).

Unuflanke la rezulto de la enketo ne mirigis la landan asocion: ĝi jam konstatis, ke multaj homoj ne scias, kio estas Esperanto. Aliflanke ĝi surpriziĝis, ke 2/3a parto de la juna generacio opinias, ke la enkonduko de Esperanto pozitive influos la internaciajn rilatojn.

La diskonigo de la rezultoj de ĉi tiu enketo kaŭzis vastan reagon de la gazetaro, televido kaj radio. Multaj intervjuoj estis publikigitaj en gazetoj, televid- kaj radiostacioj.

*Informas : Hans ten Hagen <ten.hagen.esperanto@pi.net>*

***

**Speciala poŝta stampo** estis uzebla en la poŝtoficejo de Crikvenica (Kroatio), okaze de la 9-a Alp-Adria Esperanto-Konferenco. Eksterlandaj esperantistoj, kiuj deziras havi ĝin, bonvolu turni sin al Kroata Esperantista Unuiĝo, Sveti Duh 130, HR-10000 Zagreb, Kroatio. Pro la sendokostoj bonvolu aldoni 2 IRK.

*Informas: mbelo@public.srce.hr*

★

**ESPERANTO**
**SENNACIECA LINGVO**

## EL ESPERANTO-MOVADO

❒ **Georges Sossois (Belgio)** sukcesis instrui Esperanton al kelkdekaj belgaj (franclingvaj) sindikatanoj. Por pruvi la utilon de la lingvo kaj por spertîgi ili nun bezonas kontaktojn kun alilandaj sindikatanoj.

Interesitaj esperantistoj-sindikatanoj bonvolu anonci sin ĉe unu el la subaj adresoj. Utilas mencii specialiaĵon, funkcion, ktp. Ankaŭ personoj el landoj kie sindikatoj nur en embria formo ekzistas, estas bonvenaj. Belgaj sindikatoj havas tradicion de asisto en formo de trejnado kaj praktika helpo.

Provizoraj kontaktadresoj:

**Poŝte**: s-ro Germain PIRLOT, Steenbakkersstraat 21, B-8400 Oostende. **Fakse**: s-ino Flory WITDOECKT, +32-59-802342. **Rete**: s-ro Roland ROTSAERT <rotsaert@knooppunt.be> Roland ROTSAERT, Visspaanstraat 97, B-8000 Brugge, Belgio.

❒ **"Eŭro-humuro kaj sekso" denove havebla!** Dum la lasta "Malferma tago" en la Centra Oficejo de UEA denove estis aĉetebla la jam popularîginta antologio de erotikaj ŝercoj, kiu debutis kadre de UK en Prago. La antologio konsistas el 2 tekstokajeroj kaj 4 unuhoraj kasedoj kun registritaj ĉ. 300 plej belaj ŝercoj el plej diversaj landoj de la Eŭropa Unio kaj el la landoj, kiuj aspiras al la membrîgo.

La aŭtoro estas e-isto, kiu nun kolektas similajn ŝercojn el aliaj kontinentoj. Estas interese, ke en la kolekto ne mankas ŝercoj rekte ligitaj al fame konataj e-istoj kaj al movadaj aferoj.

Rakontado de ŝercoj dum kunestado kun geamikoj estas ĉiam tre ŝatata kaj sufiĉe ofta kutimo. Oni devas aldoni, ke tio estas kutimo plene internacia. Sed rakontado de ŝercoj, kiuj koncernas la erotikan vivon, ne ĉiam kaj ne ĉie estas praktikata vasťskale, kvankam tutcerte ĝi ankaŭ estas ŝatata.

Plej ofte tiajn ŝercojn rakontas viroj al viroj, aliflanke ege malofte oni rakontas ilin en miksitaj societoj, kvankam virinoj - kion oni povas kelkfoje konstati - volonte aŭskultas ilin. Tamen, ege malofte okazas, ke virino memviniciate rakontas erotikan ŝercon al vi. Povas esti, ke la kaŭzo de tio estas la konscio de virinoj, ke ili devas montri - almenaŭ al eksteruloj - sian prudecon kaj denaskan hontemon pri ĉio, kio rilatas seksajn aferojn. Sed tio ne signifas, ke en la E-movado ni havas nur prudemulinojn. Ke ĉi tiel vere estas i.a. atestas la fakto, ke kelkaj esperantistinoj, kiujn la aŭtoro de la antologio konas persone, volonte legis la libron "Kruko kaj Baniko el Bervalo", kiu ja enhavas nur seks-temajn ŝercojn. Tamen fakuloj pri ŝercologio internacia asertas, ke la antologio "Eŭro-humuro kaj sekso" estas multe pli bona ol la verko "Kruko kaj Baniko el Bervalo" kaj pli aktuala. Tial dum UK en Prago la tuta stoko elĉerpîgis en apenaŭ 30 minutoj! Instruita per tiu sperto la Libroservo de UEA havigis al si kvanton, kiu kontentigos la bezonojn de la movadaj ŝercemuloj, kiuj volas legi kaj aŭskulti tiaĵojn.

La aŭtoro de la antologio uzanta la pseŭdonomon Doktoro Petolanto, estas gastprofesoro pri kompara erotiko en la Universitato de Seksburgo. Estas aldoninde, ke la ŝercojn sonregistris profesiulo, kies voĉo estas bone konata al multaj e-istoj - Andreo Pettyn el Polio.

**S.A.T.**  **erinaco**

DISTRA PAĜO POR SERIOZAJ SAT-ANOJ

## BELA REVO




## GRAVE!

